## BONDEZIROJ

Okaze de la venontaj festoj, la estraro de ITALA FERVOJISTA ESPERANTO-ASOCIO (I.F.E.A) kaj la redakcio de "ITALA FERVOJISTO", varme bondeziras feliĉajn Kristnaskon kaj prosperan Novjaron al ĉiuj Membroj kaj Simpatiantoj de nia Asocio; korajn bondezirojn ankaŭ al la Estraro de la INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO (I.F.E.F.) kaj al la tuta Anaro kaj Legantaro el ĉiuj Landoj.

---

## COMUNICATO DEL CASSIERE

Per il 1984 le quote sociali sono così stabilite:
- associazione all'IFEA, IFEF, FEI ed UEA con abbonamento alla rivista "L'ESPERANTO-FEI": lire 17000 annue (11000 per i giovani fino a 21 anni e per i familiari)
- associazione solo all'IFEA ed IFEF (per quei Soci che pagano le quote alla FEI ed UEA direttamente o tramite i Gruppi E.sti locali: lire 5000 annue.

Si pregano vivamente i Soci che ancora non hanno pagato le quote per il 1982 e il 1983 e continuano a ricevere i Bollettini, di trasmettere al più presto dette quote, da noi già versate alle Associazioni a cui siamo aderenti, oppure di inviare avviso di disdetta, per poterci regolare e non pagare per l'anno 1984.

FERROVIERI ADERITE ALL'IFEA; VERSATE SUBITO LE QUOTE 1984! SOSTENETE L'ESPERANTO E LE SUE ASSOCIAZIONI! Per agevolare i versamenti si allega un bollettino di C/C Postale intestato: IFEA, Via Donato Creti,61 I-40128 BOLOGNA N° 19336403.

---

## GENERACIA INTERŜANĜO INTER LA ESPERANTISTOJ

Nunjare ni atingos respektive 70- kaj 63-jaraĝo. Tio okazos venontan novembron; sammonate ni festos, kune kun la filo, la 32-jarojn de nia esperantistiĝo. Do,ni estas de antaŭa generacio kaj multaj novaj geesperantistoj ne konas nin.

Ni ofte pensas al nia alproksimiĝo al Esperanto, kiam ni konis la tiamajn instruistojn kaj propagandistojn: Inĝ. Otello Nanni, Kav. Giuseppe Zacconi, Pastro Modesto Carolfi, Adv. Attilio Vaona, Prof. Corrado Grazzini, Prof. Giorgio Canuto kaj aliajn. Ĉiuj estis Italoj sed konataj tiutempe de la tuta monda Esperantistaro. Ili forlasis nin, kaj la novaj samideanoj preskaŭ nenion scias pri ili kaj pri iliaj meritoj.

Laste forlasis niajn vicojn du agemaj kaj persistaj propagandistoj, de la antaŭa generacio da Esperantistoj, nome: O.B.E. Horace BARKS, anglo, kaj Kav. Alfredo GAMBERINI, italo.

Horace BARKS forpasis en Stoke-on-Trent, la 27-an de julio 1983 en la aĝo de 87-jaroj.

Ni memoras lin kiam li estis la unuan fojon en Esperantista medio. Tio okazis dum la jaro 1958-a, okaze de la 10-a I.F.E.F.-Kongreso en Aarhus. De tiam ĉiuj gesamideanoj konis lian spritecon kaj la verkojn de lia plumo, ĉar li ĉiam portretis la geamikojn per ĉarmaj karikaturoj.

Laboregema en la Esperanta Movado ĝenerale li aparte agis en la Fervojista Esperanto-Medio. Li estis la iniciatinto kaj la motoro (Prezidanto de la L.K.K.) en ambaŭ la IFEF-Kongresoj en Britio: Stoke-on-Trent (1963-a) kaj Swan-

wich (1977-a). Liaj meritoj estis multaj kaj multflankaj. Ankaŭ en Universalaj Kongresoj S-ano Barks estis tre konata. Ni memoras lian partoprenon en la U.K. en Tokio dum 1965-a kiunli atingis vojaĝante fervoje tra Siberio.

Memorinda por ni estas iu internacia vespera renkontiĝo inter dekoj da geamikoj en la kvartalo nomata "Montmartre" en Beogrado, okaze de U.K. de la jaro 1973-a.

S-ano Barks iniciatis la titoligon de "Esperanto" kaj "Zamenhof" stratoj en Stoke-on-Trent kaj de trinkejo "Verda Stelo" en la sama urbo.

Pro siaj meritoj Barks ricevis la arĝentan medalon de FISAIC kaj aliajn distingaĵojn inter kiuj: urbestro de Stoke-on-Trent kaj la fama ordeno O.B.E. kiun li klarigis al ni "Oni Bezonas Esperanton": (efektive ĝi estas alta Brita honorigo). Li estis ankaŭ Honora Membro de I.F.E.F.

Kav.Alfredo GAMBERINI forpasis en Bologna, la 10-an de aŭgusto 1983-a en la aĝo de 92-jaroj.

Li estis tre agema samideano kiu, kune kun la edzino Giuseppina, kiu forpasis antaŭ kelkaj jaroj, dum pli ol 30-jaroj fariĝis la fulkro kaj la motoro de la Esperantista vivo en Bologna. Kvankam ne fervojisto, li estis de longe ano de I.F.E.F. kaj partoprenis en multaj niaj kongresoj.

Ni memoras geedzojn Gamberini ekde nia komuna Esperanto-kurso ĉe la Profesia Fervojista Lernejo en la Centra Stacidomo de Bologna. Ni ofte vojaĝis kune al I.F.E.F.-Kongresoj kaj U.E.A.-Kongresoj kaj al aliaj Naciaj kaj Internaciaj renkontiĝoj.

La agado de S-ano Gamberini estis ĉiam favore al nia Esperanto-Movado kaj lia sindonemo estis grandega. Post la morto de la edzino li starigis, ĉe la Bologna Esperanto-Grupo "Achille Tellini", fonduson je la nomo de la edzino mem, celante premiadon kaj helpon al junaj geesperantistoj.

Vere li estis kolono en la disvastigado kaj organizado de la Movado en Bologna; Eĉ li helpis en la laboro de la direktoro de la I.I.E. (Itala Instituto de Esperanto) kiam ĝi estis en Bologna.

Pri siaj meritoj Alfredo Gamberini estis ankaŭ nomumita kiel Honora Prezidanto de la Bologna Esperanto Grupo "A.Tellini". Li estis ankaŭ nomumita "Kavaliro de Vittorio Veneto" pro sia bona konduto dum la unua mondmilito (1915-1918).

Ni kondolencas pri la du amikoj kaj indikas ilin kaj ilian agadon al novaj generacioj de geesperantistoj.

Germano kaj Delvina Gimelli

---




Adreso:
36-a IFEF-Kongreso
1303 Sofio
Hr. Botev 97 BG

Kun granda kontento LKK sciigas, ke la alta Protektanto de nia 36-a IFEF-Kongreso la Ministro de transporto S-ro Vasil Canov permesis, ke ĉiuj alilandaj kongresanoj veturu senpage per la fervojoj de P. R.Bulgario sur ties tuta teritorio, de la 7a ĝis la 23a de majo 1984 inkl., prezentante karton por senpaga veturado, kiun LKK sendos al ĉiu regule aliĝinta kongresano kaj

legitimante sin antaŭ la fervojaj organoj per sia kongresa karto.

Kongreskotizo ĝis 28.02.1984. Por partoprenantoj el okcidentaj landoj, IFEF-membroj(ankaŭ emeritoj) $ 28; familiano kaj junul(in)o ĝis 20 jara $ 14; partoprenanto ne IFEF-membro $ 34; simpatianto (ricevos la materialojn) minimume $ 5. Ekde 1.03.1984 - respektive: 40-20-46-5.

La kongreskotizo estas pagenda rekte al adreso: Poŝtĉekkonto 1258036, IFEF, Banegardsplads 14, DK-9700 Bronderslev. Ne forgesu noti en la pagodokumento: "Kongreskotizo por la 36-a".

ĈAMBROMENDILO. Prezoj kaj kondiĉoj por la ĉambroj en Slanĉev Briag:
1 - En hoteloj TRI STELOJ, por alilandaj kongresanoj: - en unulita ĉambro, kun plena pensiono, potage $ 33, - en dulita ĉambro, kun plena pensiono, por 1 lito $ 27.
2 - En hoteloj DU STELOI - en unulita ĉambro, kun plena pensiono, potage $ 23, - en dulita ĉambro, kun plena pensiono, por 1 lito $ 19.
La plena pensiono por hoteloj TRI STELOJ estas 14 levoj, kaj por hoteloj DU STELOJ - 10 levoj potage.

La kongresanoj el la okcidentaj landoj pagas la supre indikitajn prezojn en us.dol. aŭ en konvertebla valuto al jena adreso: CENTAR ZAMEJDUNARODNI KONGRESI I PROJAVI "Esperanto" N-ro 421-130-176-2, BALGARSKA NARODNA BANKA, SOFIJSKI GRADSKI KLON, ne pli malfrue ol la 25a de marto 1984. Ĉe pago post tiu ĉi dato, kiel ankaŭ ĉe pago surloke en Slanĉev Brjag, la prezoj altiĝas per 25 %.

EKSKURSOJ - Dum la kongresaj tagoj okazos jenaj ekskursoj:
A - tuttaga al Varna - Zlatni Pjasaci (Oraj sabloj) $ 16
B - tuttaga al la antikvaj regionoj de la tempo de la fondiĝo de la Bulgara ŝtato antaŭ 1300 jaroj, la urboj: Ŝumen, Pliska, Preslav kaj Madara. $ 25
C - kvarhora "Panorama de Slànĉev Brjag kaj urbo Nesebàr" $ 6
D - Organizata estas ankaŭ tritaga postkongresa ekskurso per aŭtobusoj al Istambul (Turkio) nur por kongresanoj el okcidentaj landoj. Ĝi kostas 120 us.dol. por veturado de Slànĉev Brjag ĝis Istanbulo kaj returne, plena pensiono kaj programo surloke. Eblas en la kadro de tiu ekskurso partopreni du kromekskursojn: "Istanbulo dum tago" per krompago de 12 us. dol. kaj "Istanbulo dum nokto" per krompago de 15 us.dol., pagendaj kune kun la baza prezo de 120 us.dol., aŭ surloke en Slànĉev Brjag, aŭ en Istanbulo mem.

Ĉiuj sumoj por la ekskursoj estas pagendaj al la adreso pli supre indikita.

DEZIRAS KORESPONDI

- ESPERANTO-KLUBO "VERDA KVERKO"
P.K. 50 SU - 235030 KÉDAINIA
LITOVIA (U.S.S.R.)

- Karel HÁJEK
Kněžskodvorská 13,
ČS - 37001 ČESKÉ BUDĚJOVICE
(ĈEĤOSLOVAKIO)

- V. ŠIMEČEK
Ul. Komenský
ČS - 39201 SOBĚSLAV
(ĈEĤOSLOVAKIO)

## IMPORTANTE RICONOSCIMENTO DELL'ESPERANTO

Ha avuto luogo a Bologna, il 20 ottobre 1983, nel salone del "Podestà" l'inaugurazione solenne dell'Esposizione Internazionale di scultura, pittura e grafica della FISAIC.

Hanno partecipato 411 artisti di nove diversi paesi europei.

Vogliamo sottolineare che il Dr. Knop di Francoforte sul Meno (Germania Federale), Segretario Generale della FISAIC, durante il discorso ufficiale, rilevando le difficoltà della traduzione trilingue (italiano, francese, tedesco) malgrado l'esperienza dei traduttori e degli interpreti, ha posto l'accento sulla necessità dell'Esperanto nei convegni ufficiali internazionali e sul grande ruolo dei ferrovieri Esperantisti nelle relazioni internazionali artistiche e culturali.

---

## GRAVA REKONO DE ESPERANTO

La 20-an de oktobro 1983 okazis en Bologna, en salono de "Podestà", la solena inauguro de la Internacia Ekspozicio pri Pentraĵo, Skulptaĵo kaj Grafiko de F.I.S.A.I.C. (Federation Internationelle de Societé Artistique et Intelektuelle des Cheminots).

Partoprenis 411 artistoj en la tri sekcioj, el 9 diversaj Europaj landoj.

Ni rimarkigas ke D-ro Knop el Frankfurt/Main (Germanio), Generala Sekretario de FISAIC, dum sia oficiala parolado, rimarkinte la malfacilaĵojn de la trilingva tradukado (itala, franca kaj germana), malgraù la spertaj tradukantoj kaj interpretistoj, akcentis la neceson de Esperanto en la oficialaj internaciaj kunvenoj kaj la gravan rolon de la fervojistoj Esperantistoj en la artaj kaj intelektaj internaciaj rilatoj ankaù libertempaj.

---

## I.P.T.E.A.

Internacia Poŝtista kaj Telekomunikista Esperanto-Asocio

Proksimiĝas la fino de la jaro kaj venas la tempon kiam oni devas renovigi la abonon al la bulteno "Interligilo" kaj la aliĝon por la socia jaro 1984-a al IPTEA. Vi povos fari tion sendante italajn lirojn 5.000 pere de P.Ĉ.K. 10242576 kies adreso estas:

IPTEA ĉe F-no Daniela CAPECCHI, Via G.Del Fantasia n-ro 18 I-57100 Livorno.

Konsiderinte ke la poŝtistoj kaj telekomunikistoj ne estas multaj, ni esperas ke vi volos renovigi tre rapide la aliĝon kaj varbi novajn membrojn por IPTEA.

Oni povos sendi la abonon al "Interligilo" kune kun nia aliĝkotizo sendante la tutan sumon en nia P.ĉ.k. n-ro 19336403- adresita IFEA, Via Donato Creti, 61 - 40125 Bologna.

---



**I. F. E. A.**



**ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI**

Aderente alla INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO FEDERACIO (**I. F. E. F.**):
alla UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO (**U. E. A.**) - ROTTERDAM (Membro consultivo dell'UNESCO 1954)
e alla FEDERAZIONE ESPERANTISTA ITALIANA (**F. E. I.**) - (Ente Morale 1956)

Sede Centrale: Dopolavoro Ferroviario Bologna (Italujo)




# Informa Bulteno

ITALA FERVOJISTA ESPERANTO - ASOCIO

## ITALA FERVOJISTO

REDAKTEJO: 40128 Bologna - Via Donato Creti N. 61 - Tel. 359.071

STAMPE